

Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Novembro/Decembro/Januaro (5) 2009

# Niaj najbaroj prezentas sin per nova ekstera aspekto

Centro-Moskeo en Hamburg - St. Georg

Foto: Klehr

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

en la vendejoj jam troviĝas kristnaskaj bakaĵoj kaj dolĉaĵoj. Kaj ankaŭ ni jam planas por la venonta tempo. Nia bulteno enhavas inviton al la tradicia Zamenhoffesto en Decembro kaj krome invitojn al la jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo en Februaro kaj al Prelegoj de la irlanda diplomato *d-ro Seán Ó Riain* en la germana kaj Esperanto en Marto.
Rerigardante al la jaro 2009 mi kredas ke ĝi estis bona jaro, en kiu ni sukcesis vigligi la kluban vivon. Ni havis kelkajn eventojn, per kiuj ni povis pli bone prezenti nin al la publiko, ol en la antaŭaj jaroj. Ni okazigis proprajn festojn, koncerton kaj publikan prelegon – kaj ankaŭ partoprenis en la ĝardena festo de la *kulturbutiko*, en kiu ni nun okazigas niajn ĵaŭdajn klubvesperojn.
La gastoj de la *kulturbutiko* estas tre variaj. Oni aŭdas tie multajn lingvojn. Nun ili scias ke ekzistas plia lingvo, kiu ankaŭ estas parolata en Hamburg: Esperanto.

La sekvonta eldono de *Esperanto Hamburg* nur aperos en Januaro 2010; do mi jam nun deziras al vi agrablan kristnaskan feston kaj prosperan novan jaron.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

Kies spirito ne fulmas ties voĉo tondras.

Populara parolturno

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2010: 15-01-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2010: 15-03-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2010: 15-05-10**

## Per mem-ironio kontraŭ religiaj kliŝoj

La minaretoj de la Centro-Moskeo en *Hamburg-St. Georg*, en distanco de 200m de nia kunvenejo, nun prezentas verdajn kaj blankajn sesangulojn. Antaŭe neniu estus imaginta ke la turka islama komunumo vere permesus al la artisto *Boran Burchhardt* tiel surpentri la turojn. Sed *Imamo Ramazan Ucar* mem elektis tiun geometrian ornamaĵon el katalogo de la artisto. Komence la artisto havis la ideon, surpentri unu minareton, kiu estis perdanta la farbon, sed la imamo petis tion por ambaŭ. La kritikon de la vicprezidanto de la komunumo, ke tio aspektas kiel futbalaj pilkoj, la imamo kontraŭis per klarigo ke verda estas la koloro de *Profeto Mohamedo*, kaj sesanguloj estas oftaj en islama arto.
Daŭris pli ol unu jaron kaj naŭ! ekspertizojn, i. a. de islam-fakuloj kaj art-profesoro, ĝis la urbaj instancoj permesis la novan aspekton.
Por nove farbi ilin necesis malmunti la metalajn minaretojn de sur la tegmento kaj transporti ilin al la ŝipfarejo kie ili estis konstruitaj. Kun helpo de turkaj laboristoj de tiu entrepreno la artisto efektivigis sian planon.

Fakte multaj homoj tuj pensas pri futbalo vidante la minaretojn, sed tio ne ĝenas la membrojn de la komunumo.

Dum pli ol dek jaroj la ligo de islamaj komunumoj havas bonajn rilatojn al la katolika kaj la luterana eklezioj.
En Hamburg-St. Georg ek de 2005 dum la vendredo antaŭ pasko okazas komuna preĝado de la islama komunumo kun la katolika kaj la luterana komunumoj por la paco inter ĉiuj homoj.

**Aŭgusto 2009: La difektita minareto per gruo estas forportita de sur la tegmento de la moskeo.**



La komunumo de la *Centro-Moskeo* ĝenerale strebas al bonaj rilatoj kun la ne-islamaj hamburganoj. Regule okazas informaj seminarioj pri islamo, kaj ĉiujare la 3an de Oktobro estas tago de malfermita moskeo.

Flanke de la moskeo troviĝas *Lindenbazar*, superbazaro, kiu apartenas al la *Centro-Komunumo*. En 2007 *Lindenbazar* ricevis premion de la urbo pro la instruado de junuloj el diversaj nacioj en komercaj profesioj.

**Donnerstag, den 18. März 2010** um 19:30 Uhr

# Vortrag von *Dr. Seán Ó Riain:* **St. Patrick's Day**

In Irland ist der 17. März Nationalfeiertag zu Ehren des irischen Nationalheiligen St. Patrick.
An diesem Tag ist grün die vorherrschende Farbe der feiernden Iren in aller Welt.
Dr. Seán Ó Riain bringt uns die Stimmung dieses Tages nach Hamburg.
Vortrag in deutscher Sprache im großen Saal des
Kulturladens St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

**Vendredo, la 19an de Marto 2010** je 19:30a horo

## *D-ro Seán Ó Riain:*
## La laboro de Eŭropa Esperanto-Unio EEU kaj ĝiaj celoj

Prelego en Esperanto en la granda salono de
Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.



*Dr. Seán Ó Riain*

**Sabato, la 20an de Marto 2010**
Speciala Programo por ne-hamburgaj gastoj
(en planado estas komuna vizito, ekz-e al muzeo de elmigrado)

# Hamburg estas alloga urbo

Laŭ enketo de *Hamburg Marketing GmbH* Hamburg estas unu el la plej ŝatataj urboj en Eŭropo.
Allogaj speciale estas la haveno, la ŝipalvenejo kaj la deponeja kvartalo.
Ankaŭ la multaj eblecoj de aĉetado en diversaj prezniveloj altiras turistojn.
Multaj turistoj venas pro la variaj kulturaj ofertoj, speciale muzikaloj kaj koncertoj venigas multajn gastojn.
Impresas la turistojn, ke Hamburg estas maldense konstruata kaj disponas pri multaj parkoj kaj bona aero – kaj ne havas centron kun nubskrapuloj.
Ankaŭ por la komerco Hamburg estas alloga. La nova *Havena Urbo* estas alloga por eksterlandaj entreprenoj.
La renomo de Hamburg kiel urbo kun alte taksataj standardoj en mediprotektado kaj klimato-protektado pli kaj pli kreskas.

En la rango de eŭropaj metropoloj Hamburg ĉe privatuloj troviĝas antaŭ Barcelono, Madrido, Milano kaj Vieno.

# 12½ jaroj Esperanto-Hamburg en interreto

Ek de 1997 Esperanto-Hamburg havas propran hejmpaĝon en la interreto. *Frank Merla* eldonas kaj flegas la hamburgan retpaĝaron Esperanto-Hamburg: www.esperanto-hamburg.de.
*Frank Merla* dum 35 jaroj estas unu el la plej aktivaj membroj de Hamburga Esperanto-Societo. Jam dum multaj jaroj li gvidas kursojn en nia klubo. Aktuale li ankaŭ gvidas Esperanto-kurson en la universitato de Hamburg.



**Frank Merla**

# Hamburg, ni amas vin!

Granda plimulto de la hamburganoj taksas sian urbon la plej bela urbo de la mondo, ne nur homoj kiuj naskiĝis en Hamburg aŭ kies familioj jam dum generacioj vivas en Hamburg.
Ankaŭ novcivitanoj, kiuj en aliaj urboj ĉiam restas fremduloj, rapide sentas sin hejmecaj.

# Festivalo de la kulturoj

Inter la 11a kaj 13a de Septembro 2009 sur la kampo de la Hamburga universitato okazis la jam tradicia *Festivalo de la Kulturoj.* Jam dum kelkaj jaroj ankaŭ Esperanto-stando estas trovebla inter aliaj el multaj landoj de la mondo, kie oni povas informi sin pri diversaj landoj kaj ties kulturoj.
Sur pluraj scenejoj estis prezentataj muziko kaj dancado. En tiu ĉi jaro nia stando troviĝis sur la granda placoj vid-al-vide de *Abaton*-kinejo.




**Mariko prezentas librojn** Fotoj: Klehr

Ni prezentis al la homoj informojn pri la internacia lingvo kaj montris librojn kaj kompaktdiskojn.
El nia klubo kunlaboris Mariko *Aoŝima, Hannelore Brunow, Gerhard Fischer, Ralph Glomp, Dominik Grauert, Benno Klehr, Peggy Ley, Gerald Roemer* kaj *Jürgen Wulff.* Kiel helpanto venis el Emden *Sebastian Kirf*, kiu estas sperta informanto.



**Jürgen kaj Ralph**

Por la sekva lundo ni ofertis informvesperon senkostan en la kulturbutiko. Venis sep interesitoj al la provleciono, kiun gvidis *Jürgen Wulff.*



**Sebastian, Ralph kaj Peggy**

# Einladung / Invito

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Jahreshauptversammlung am 11. Februar 2010 um 19.30 Uhr im Kulturladen St. Georg, Großer Saal, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

1. Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
2. Bericht der Kassenprüfer
3. Diskussion
4. Bericht des Beirats
5. Entlastung des Vorstandes
6. Wahl des Vorstands
7. Wahl des Beirats
8. Wahl der Kassenprüfer
9. Budget, Beiträge und Pläne 2008
10. Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
11. Verschiedenes

Aufgrund der Vorstandswahlen bittet der Vorstand um die Teilnahme möglichst vieler Mitglieder.

Im Namen des Vorstands.
Ralph Glomp, 2. Vorsitzender

## Hamburg-enigmo



Kie troviĝas tiu ĉi 17 metrojn alta steleo?

## Zamenhoffesto 2009

La Zamenhoffesto de Hamburga Esperanto-Societo okazos Sabaton, la **19an de Decembro 2009** ek de la 18:00 h en *Kulturladen St. Georg*, Alexanderstraße 16, 20099 Hamburg
Ni festos en la teretaĝo; ĉio estas atingebla sen ŝtupoj.

Ni kune festos la 150an naskiĝdatrevenon de Ludoviko Zamenhof. Festprelego de Benno Klehr.
La Zamenhofa festo kiel kutime estas ebleco por renkonti novajn kaj malnovajn amikojn kaj gastojn kaj ĝui la programon kaj la manĝaĵon.

Bonvolu anonci vian partoprenon ĉe
Ralph Glomp rete:
glomp@esperanto-hamburg.de
aŭ telefone 040/68913663.
La manĝaĵo kostas € 10,– (+ € 2 por vino aŭ biero).

Por partoprenantoj, kiuj havas malfacilaĵojn, atingi la lokon, ni organizos transporton tien kaj reen.
Bonvolu informi nin! Ni zorgos pri tio.



## Solvo de enigmo

La ruĝa steleo staras sur Friedrich-Schütter-Platz, antaŭ la Ernst-Deutsch-Theater ĉe metro-stacio Mundsburg.
La monumento estis inaŭgurita la 24an de Aŭgusto. Ĝi staras sur triangula ligna scenejo en iom malalta loko. Ĝi estu loko de trankvilo kaj koncentriĝo meze inter la strat-kruciĝoj. Parton de la kostoj pagis la teatro kaj ties amikoj.

**En Hamburg Ĵaŭdo estas la Esperanto-tago.**
**Tion oni scias ankaŭ ekster Hamburg.**
**La 19a de Majo 1904**
**– kaj pri tio ankaŭ ni miris –**
**ankaŭ estis Ĵaŭdo.**
**Dum kia alia tago povus esti fondita**
**Hamburga Esperanto-Societo?**



Berlin en Decembro 1989 Foto: A. Klehr

## Antaŭ 20 jaroj malfermiĝis la muro en Berlin

Ĵaŭdon, la 9an de Novembro 1989, la registaro de GDR vespere publikigis, ke ek de nun ĉiuj civitanoj rajtas libere vojaĝi al FRG. Nur kelkajn horojn poste ĉie ĉe la landlimo inter GDR kaj FRG viciĝis la aŭtoj de homoj, kiuj tuj volis uzi tiun novan rajton.
Dum la sekva semajnfino la urbo Hamburg estis plena de aŭtoj el orienta Germanio. Ankaŭ la hamburganoj partoprenis en la eŭforio de la malfermita landlimo. La tuta semajnfino fariĝis kvazaŭ festo de la renkontiĝo de longe dividitaj najbaroj.



Ich hab mein Herz stillgemacht
und Frieden ist in meiner Seele

Heinrich Wielgus
* 10. März 1927 † 2. Oktober 2009

In Liebe und Dankbarkeit
Elsbeth
Regina und Rüdiger

el Hamburger Abendbaltt

### Heinrich Wielgus

Am vergangenen Samstag verstarb unser langjähriges und verdientes Mitglied Heinrich Wielgus im Alter von 82 Jahren.

Eine letzte Feier zu seinen Ehren fand statt am Montag, dem 19. Oktober um 14.00 Uhr in der Trauerhalle des Großhamburger Bestattungsinstituts gegenüber dem Ohlsdorfer Friedhof.

Unsere Gedanken sind bei Elsbeth Wielgus und ihrer Familie.

Der Vorstand des Esperanto-Vereins Hamburg e.V.

***Heinrich Wielgus*** naskiĝis 1927 en Pollando kiel *Zbigniew Wielgus*. Dum la germana okupado li estis germanigita kaj ricevis la nomon Heinrich.



**2004** Foto: Wulff

Post la milito li fariĝis policisto en Hamburg.
Unu el liaj kolegoj dum la paŭzoj en la longaj noktaj servo-tempoj lernis el iu libro. Estis Esperanto-libro. Kune kun sia fianĉino *Elsbeth Schneider*, la posta edzino, li eklernis Esperanton en 1948 en kurso de *August Weide*.

Ili fariĝis membroj de Hamburga Esperanto-Societo kie li baldaŭ estis elektita en la estraron. Dum multaj jaroj li estis sekretario kaj prezidanto dum pluraj elekto-periodoj ĝis 1991. Antaŭ kelkaj jaroj, post akcidento el kiu li portis rompitan ŝultron, li retiriĝis el la kluba vivo.

Post mallonga restado en malsanulejo li mortis pro kancero.
Ni perdis fervoran Esperantiston kaj bonan amikon.

Benno Klehr

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Novembro

**5** *Benno Klehr:*
**Terura enigmo**

**12** **Esperanto –**
pasporto al la tuta mondo
Sepa leciono

**19** **Ni kune kreas Esperanto-dancon**
Esperanto-danco devas esti facile lernebla.

**25** Merkredo, 18.30 h
Estrarkunsido (publika)

**26** **60 jaroj de la ŝtato Israelo**
–du filmoj: **“Israel 5753”**(1993)
de *Roman Dobrzyńksi* kaj
**“Soll sein” – Jiddische Kultur im jüdischen Staat** (1988)
Filmo en la jida kaj germana lingvoj (67 min)

## Decembro

**3** **Vendado de kristnaskaĵoj:**
Nun estas la ĝusta tempo por aĉeti poŝtkartojn, kompaktdiskojn aŭ aliajn donacojn.

Aldone: **Prezentado de Kaiserslautern**
La 87a Germana Esperanto-Kongreso (kune kun la Franca Esperanto-Kongreso) okazos en Kaiserslautern 21–24 de majo 2010.

**10** **Transitiva verbo**
laŭ „ABC mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko“. Gvidas *Benno Klehr.*

**17** Du filmoj de *Roman Dobrzyński:*
**“Kristnasko en Brazilio”**kaj
**“Chopin revenas al Majorko”**
Kiel festas la homoj en Brazilio kristnaskon, kie la temperaturoj estas pli altaj?

La komponisto Frédéric Chopin pasigis kune kun la verkistino George Sand la vintron 1838/39 en Valledemossa sur Majorko.
(entute 41 min.)

**19** (Sabato), **18:00 h Zamenhoffesto**
(Bonvolu rigardi specialan inviton!)

## Januaro

**7** **TV Esperanto Bjalistoko (1)**
Interesaj filmetoj profesie produktitaj antaŭ kaj dum la UK 2009 en la naskiĝurbo de Zamenhof.
(ĉirkaŭ 30 minutoj.)

**14** *Klaus Diekmann:* **Open Office**
Ĉu la alternativo al vindosaj kumputilaj programoj vere taŭgas por ĉiutagaj aferoj? Kiuj estas la avantaĝoj aŭ malavantaĝoj?

**21** **Esperanto estas...**
Prezentado de la plej nova varb-DVD por Esperanto.

**27** Merkredo, 18.30 h
Estrarkunsido (publika)

**28** *Werner Bormann:*
**GIL-Konferenco en Berlino – kunveno de interlingvistikistoj**

## Februaro

**4** **Esperanto –**
**pasporto al la tuta mondo**
Oka leciono

**11** **Jarĉefkunveno 2010 de Hamburga Esperanto-Societo**
(Bonvolu rigardi specialan inviton!)